# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 06/12/2013 Cent kvardekdua Eldono 8/12/2013 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**


**SENDATA AL 260** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl✚alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la interesajn ligojn

Estas via Esperanto-familio. Informu, fotoj bonvenaj.

## Aŭskultu Retradion en Esperanto ĉiun tagon

http://esperantareradio.blogspot.co.at/ Estas « RSS Feed » Elsendo de la 26a Novembro 2013 Download Music - Download Audio - Ĉu lingvo evoluis el alarmk...



### Ĉu lingvo evoluis el alarmkrioj?

La hipotezo ke homa lingvo ekestis el avertokrioj, ricevas novan subtenon per aktuala studaĵo: Kiam ĉimpanzoj krias alarmon ili direktas la mesaĝon rekte al siaj samspeciuloj.

La lingvistoj jam rilate al la radikoj de la homa lingvo reprezentas du malsamajn opiniojn: Unuflanke estas tiuj kiuj konsideras la gestojn kiel antaŭŝtupo de komunikado kaj je la alia flanko estas tiuj kiuj kiuj vetas pri akustikaj signaloj.

Alarmkrioj de primatoj jam pli frue estis suspektataj kiel ebla ĝermo de la lingva evoluo, kontraŭ kio la adeptoj de la gestodoktrino obĵetis: Kion ni interpretas kiel averton por aliaj, tio ankaŭ same bone povus esti pura esprimo de emocio, do nur sono sen senco kaj sen antaŭvidita ricevonto. ktp ktp ktp

.**Malgranda parto de bona artikolo** Ctrl✚alklaku la bluajn lokon)




# Propaganda sekcio






**SBS2 en Sidnejo** elsendis programon pri Esperanto en sia elsendo "The Feed"

**‚The most successful made-up language'**

4 minuta 27 sekunda programeto

27a Novembro 2013 Richard Delamore kaj Kiah Morante parolis en Esperanto.

 

http://www.sbs.com.au/thefeed/blog/esperanto-most-successful-made-language **Klaku kaj spektu**

Kiuj Esperantistoj vidis la SBS-programon pri Esperanto? Margaret Chaldecott telefonis min minutojn antaŭ ol la programo komenciĝis por averti min. Do ŝi kaj mi (Roger Springer) vidis. Jennifer Bishop poste sendis informon al mi. Do ŝi kaj Alan kompreneble vidis.

Mi ne havis antaŭscion pri la horo aŭ preciza dato por antaŭe averti niajn legantojn eĉ per speciala avertsendo al nia adresaro. Kiuj forgesis nin ??

Ĉu vi vidis la SBS elsendon? Ne vere gravas, se vi maltrafis, ĉar ĉiuj Esperantistoj povas klaki sur la ligo kaj spekti la bonan programon. Kion vi pensas pri ĝi ?

Sendu informon al mi pri viaj kunvenoj, novaĵojn kaj via Esperantista familio ĝojos.



# Esperanto-Domo Sidnejo

## Anoj kunvenas unufoje monate je dimanĉo 12tm

Aferkunveno antaŭe je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

1a de decembro: ĉeestis Robert Bain, Nicole Else, Jonathan Cooper, Roger kaj Mei Springer, Margaret Chaldecott, Steven Garamy, Volo Gueltling Kaj du Esperantistoj el pollando,Tadeo kaj Halinka Ejsmont



Nicole komentis "Estis agrable konatiĝi kun du Esperantistoj el Pollando. Ili estis tre amikemaj kaj la virino estis tre babilema.




# Zamenhof-Tago ĉe Esperanto Domo

## Sidnejo: Dimanĉon la 15an de Decembro 12a tagmeze

Konatiĝu kun la aŭtoro de la apuda libro kaj kun lia edzino kiu parolos al ni eble pri la libro de sia edzo.
Spektu la novan dokumentfilmon pri Esperanto de Dominique Gautier, spektu la SBS elsendon pri Esperanto.
Ĉiam bona renkontiĝo por Esperantistoj, iliaj amikoj kaj familianoj.
Poste raportu pri via Zamenhofa tago.

# Zamenhof Tago ĉe Sudaŭstralio



Esperanto en Sudaŭstralio okazigos sian ĉiujaran kaj tradician Zamenhoffeston sabaton la 14-an de decembro en la belega kaj luksa hejmo de Indrani.

La programo estas iomete la jena:

Komence preskaŭ ĉiu kontribuas al la distrado deklamante poemojn, partoprenante en teatraĵoj, monologoj kaj aliaj frenezaĵoj, kiuj ĉiam ridigas kaj amuzas nin ĉiujn.

Poste ni dividos kaj manĝos niajn kunportitajn frandaĵojn.

Tiam ni eniros la muzikĉambron de Indrani kie ni komune kantos 10 Esperanto-kantojn. Indrani majstre akompanos per sia piano, kaj kompatinda Bob provas kunludi per sia rusa domro.

Plej amike, Bob Felby <esperantobob@bigpond.com>

# Zamenhof Tago ĉe Melburno

## La Esperanto Federacio de Viktorio

invitas vin al nia "Zamenhofa Festo".
6.30ptm, Sabato 14a Decembro 2013
ĉe North Carlton Library,
667 Rathdowne Street, Carlton North.
Ĝuu vesperon de muziko, kantoj, parolado, kaj aliaj distraĵoj
Bonvolu alporti pladon

Ni esperas ke vi celebros kun ni.



## La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm
ĉe Ross House, 247 Flinders Lane.



Marcel

Melburna klubo renkontis pasintan lundon kaj bonvenigis John Massan kiu vizitis nin el Perto. Ni ankaŭ celebris la 96an datrevenon de Marcel, kiu malgraŭ sia granda aĝo tamen restas juna! sendis Heather



## 11. Lingvaĵo iom pli pri La Predikato. B.

(kelkaj ĝeneralaj reguloj).

En la Esperanta gramatiko ni nomas la Predikato nur tiun parton, kiu priskribas la agon mem, do ni ne inkluzivigas la Objekton nek la Adjektojn, kiuj ja havas siajn proprajn nomojn kaj funkciojn en la propozicio.

Eĉ pli ol ĉe la aliaj elementoj de la propozicio, la partetoj de Predikato povas apartigati tra la tuta frazo, ekz . "Ŝi VOLAS dumvespere neniam per la vagonaro VOJAĜI". Tamen konsilindas, fari tion nur, se absolute necesas, en poezio precipe, ĉar tiel miksita teksto estas malpli kaj malrapide komprenebla, kaj kelkfoje kaŭzas miskomprenojn. Sed ekzistas en certaj iuj etnaj lingvoj kutimo ĉiam apartigi certan iun predikatan parteton (nome "Objekta Predikativo", pri kiu pli poste, kaj Infinitivoj) al la fino de sia propozicio, for de la resto de tiu Predikato; bedaŭrinde la Esperantistoj imitadas tiun nelogikan kutimon .

La ago reprezentata de la Verbo ne bezonas moviĝi nek vidati nek aŭdati nek sentati. Ĉiu Verbo indikas agon, kiu povas okazi sen nia kapablo konscii pri tio. La malmoderna koncepto lingvisma pri du specoj de Verboj, la agaj kontraŭ la stataj, kaj la momentaj kontraŭ la daŭraj, ne plu valoras, do certe ne en Esperanto. Ili ne ekzistas plu en nia nuna tempo teĥnika. Tio inkluzivas la agojn esti, ŝajni, aspekti, ktp. , en kiuj rilato, komparo, loko, ekzisto, kaj aspekto estas agoj esprimitaj per Verboj. Ekz"La ŝtono estas malmola" enhavas montreblan agon de interligaj fortoj. (daŭrigota).
Marcel Leereveld.

## LETEROJ de la legantoj

Taŭga desegno aŭ foto, ne necesa, sed bonvena





# Se oni ne informas min, mi ne povas informi vin

Roger Springer rspring@tpg.com.au



*Jen foto de mia patrino kun Sandor kaj aliaj esperantistoj dum la somerkursaro de Januaro 2006*




*La funebra ceremonio en Francio okazis la 29an de novembro. Jen foto de la floroj aĉetitaj de francaj esperantistoj.*

Multan dankon al la 3 personoj kiuj post legado de AE prenis la tempon por sendi al mi kondolencojn. Amike, Nicole

Informis Nicole pri la morto en Francio de sia patrino Lilli Giloteaux

La Novaĵletero ree donas siajn kondolencojn al Nicole dum ĉi tiu malfeliĉa tempo

# Tajpi - Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ - ne estas problemo

En paĝo 7 de Aŭstraliaj Esperantistoj 140, sub "Uzu Esperantajn Literojn", vi rekomendis la paĝon de Esperanto-USA:
http://www.esperanto-usa.org/en/node/108.
Tiu paĝo estas preskaŭ tute arkaika kaj malatentinda. Oni verkis ĝin en aprilo 2008. **Pli bonaj metodoj nun estas disponeblaj.**
Pli bone legi la paĝojn de NZEA pri "How to type Esperanto characters"
en la angla:
http://en.esperanto.org.nz/how-to-learn-esperanto/how-to-type-esperanto-characters,
aŭ "Kiel tajpi en Esperanto" en Esperanto:
http://eo.esperanto.org.nz/how-to-learn-esperanto/how-to-type-esperanto-characters
**Tie troviĝas informo ne nur pri esperantaj literoj en Vindozo, Makintoŝo kaj Linukso, sed ankaŭ en iOS kaj en Android.**
Mi opinias ke nuntempe ĉiu Esperantisto havas rimedojn por tajpi esperantajn literojn sen ajna valida kialo uzi surogatan alfabeton.

Bonvolu neniam uzi surogatan alfabeton kiam la tekston vidos la ĝenerala publiko. Surogata alfabeto donus la impreson ke ekzistas ia problemo pri la tajpado de nia bela lingvo.
Donaldo Rogers NZ

## Venu al Kanbero 3 ĝis 12 Januaro 2014 Come to Canberra

Kara esperantisto,
La Aŭstralia Esperanto-Asocio (AEA) ŝatus inviti vin al nia venonta kongreso/somerkursaro en Kanbero inter la 3-a kaj la 12-a de Januaro 2014.
Ni klopodis organizi interesan, pozitivan, allogan kaj memorindan eventon.
Kelkaj ĉefaĵoj estos:
- Tri klasoj je diversaj niveloj
- Partoprenantoj el Germanio, Hungario, Indonezio, Koreio, Nepalo, Novkaledonio, Vjetnamio
- Lingva Festivalo
- Variaj, stimulaj prezentadoj kaj diskutoj
- Ekskursoj gvidataj de kanberanoj
- Amuzaĵoj kaj ludoj.
- Ekscitaj diskutoj dum la AEA jarkunveno (ekz. Ĉu ni restu kompanio?



Kontrolu la kongresan retpaĝon.
Kaj kial vi ne mem prelegu, prezentu aŭ gvidu grupon aŭ diskuton?
Mi tre esperas vidi vin en Kanbero en Januaro 2014.
Plej amike, Sandor (AEA prezidanto) 2013-11-18
P.S. Se vi ne jam estas AEA membro, bv ankaŭ pripensi aliĝi al AEA.

## Vortoj de "Lernu"

SUBTILA
1. Konsistanta el tre maldikaj kaj delikataj eretoj:
La sablo estas subtila.

2. Malfacile kaptebla, rimarkebla, komprenebla, pro ĝiaj delikataj nuancoj:
Lia klarigo estis vere subtila.
Ni dume forgesu pri la subtilaĵoj, ĉar restis multaj diskutindaj demandoj.
La poemo subtile kaj kortuŝe priskribas ĝin.
Ŝi ne konsentis okupiĝi pri financaj aferoj pro ilia subtileco.

3. Kapabla fari aŭ rimarki delikatajn nuancojn, diferencojn:
Mi devas konfesi, ke vi estas subtila observanto!

## Ĝuu Zamenhof-Tagon Renkontu viajn Esperantajn Amikojn

